www.ipernity.com/cesar.dorneles

# |jes ja!|

Portalegro | Brazilo | 01/10-14/11/09 |
N-ro 5 | Interreta versio al la tuta mondo

## |INTERVJUO|

### Kun José Antonio Vergara

**José Antonio Vergara, el Puerto Montt, Ĉilio, UEA-estrarano pri faka kaj scienca agado, estas la intervjuato de ĉi tiu eldono de Jes JA!**

**Kio vekis vian intereson pri E-o?**

>>> Mi kreskis kiel infano en la periferio de la mondo, en suda urbo de Ĉilo, sed mi tamen ĉiam interesiĝis pri la mondo, pri la homoj de aliaj landoj, pri la fremdaj lingvoj. Mia familio apartenis al la edukitaj mezklasaj tavoloj (ambaŭ gepatroj estis bazlernejaj instruistoj), do mi havis iom da aliro al kelkaj sciofontoj kiel libroj kaj revuoj. Tial, mi frue eksciis pri Esperanto, kaj opiniis tion bonega ideo. Poste, kiam junulo, mi hazarde havis la ŝancon trovi la poŝtan adreson de la E-asocio en mia lando kaj lernis per koresponda kurso (tiam, en 1981-1982 ankoraŭ ne ekzistis interreto). Mi estis aktiva en la movado kontraŭ la murdiga ditakturo kiu regis mian landon, kaj por mi Esperanto ĉiam estas (kaj estos) ligata al idealoj de libereco, justeco kaj paco, ne kiel abstraktaj piaĵoj, sed kiel konkretaj alstrebendaj celoj.

**Kiuj estas viaj ĉefaj okupoj en la Movado nuntempe?**

>>> Mi estas membro de la estraro de UEA, kaj okupiĝas pri sufiĉe malfacila flanko, nome la faka kaj scienca agado. Per la vorto "malfacila" mi celas ke ĝi estas kampo kiu suferas je la samaj problemoj de la ĝenerala Esperanto-movado (do rapida maljuniĝo, marĝeneco, prestiĝomanko de Esperanto, ktp) sed tamen mankas al ĝi la avantaĝoj, nome la relativa facileco ke verŝajne la homoj plejparte volas nur pasigi agrablan tempon per Esperanto, trovi kaj renkonti amikojn, turismumi, verki poemojn, ktp. Eĉ estas homoj kiuj estas elstaraj fakuloj en siaj respektivaj fakoj, sed neniam miksas tion kun sia esperantisteco, kiu ŝajne estas nur distraĵo kiu troviĝas en la libertempa, kaŝita parto de la vivo... Kaj tamen estas interesa tradicio de faka apliko kaj laŭfaka grupiĝo en Esperantujo, kiujn mi volas plifortigi, i.a. per relanĉo de la demando pri la celoj kaj organizomodeloj. Ekzemple mi sukcesis en la lastaj du UK-oj diskutigi la reprezentantojn de fakaj asocioj kaj homojn kiuj interesiĝas pri la problemo, pri tio kiel ĝisdatigi la idean sintenon de la fakaj branĉoj de la movado, por igi ĝin kohera al la novaj ideoj pri lingva demokratio, ktp. Mi ankaŭ estas kontenta pri la Serio Scienca Penso de UEA kiun mi proponis, ĉar se la

## |SUDO|



>>> **Katedralo de Canela, en la gaŭĉa montaro. Fotis Paulão Fessel.**

angla je enormaj kostoj por neanglalingvanoj fariĝis la deviga internacia lingvo de la scienco, Esperanto povas esti lingvo por demokratiigi la sciencon, por plifortigi la sciencan kulturon ĉe la civitanoj de la mondo.

**En ĵusa intervjuo de Renato Corsetti al la Kongresa Kuriero (Bjalistoka-UK), li asertis, ke "verŝajne ni devas moviĝi al asocio senpapera kaj senkotiza, sed *agada*" kaj donis kiel ekzemplon la asocion kiu subtenis Obama-n dum la lastaj usonaj prezidentaj elektoj, en kiu la membroj ne pagas kotizojn sed eventuale faras mondonacojn por specifaj agoj. Kion vi opinias pri tio?**

>>> Mi opinias ke ni daŭre devas serĉi vojojn evoluigi niajn strukturojn por faciligi al la homoj partopreni la movadon kaj kontribui al ĝi laŭ la unuopaj lertoj de ĉiu el ni. Humphrey Tonkin prave atentigis pri tio ke eble niaj Esperanto-asocioj kaj aparte UEA devus esti pli kaj pli celoservaj, kaj ne tiom membroservaj kiel ĝis nun ili estis. Niaj asocioj devas esti niaj kunordigaj organizoj por antaŭenigi Esperanton, kaj ju pli ni faros tion laŭ modeloj efikaj, facile alireblaj, des pli bone. Laŭ mia propra sperto, estas grave ke la homoj povus senti sin anoj de io pli granda, la organiza movado, kaj por tio ne devas esti baroj sed male, la plej faciligaj vojoj eblaj, ĉiam ĝisdataj laŭ la evoluo de la informaj kaj komunikaj teknologioj.

### KUNFRATIĜA RENKONTIĜO

**En la dua sabato de la monato, 15h, en GEA**

### VERDA KAFO

**31 jarojn paroligas vin E-e.**
**En la lasta sabato de la monato, en la drinkejo-restoracio Tutty's**

## |JUVENALO|

Laŭ bone konata prezentantino de matena TV-programero, nia kaŝtano-el-parao apartenas al la brazila faŭno...



**Ankoraŭ estas homoj kiuj kritikas la partoprenon de E-istoj en la agadoj de la Monda Socia Forumo argumentante, ke ĝi ne estas neŭtrala.. Kion vi kutime kontraŭ-argumentas al tiaj homoj?**

>>> Mi konvinkiĝis ke ni nepre devas serĉi malfermajn mensojn por ideo tia, kia estas Esperanto, en tiuj apartaj homaj niĉoj, kie ili troviĝas aŭ kuniĝas. Mi do kredas ke ni devas serĉi la socie engaĝiĝintajn homgrupojn, do la homojn kiuj interesiĝas pri aferoj al kiuj Esperanto estas ligata (ekz. monda paco surbaze de socia justeco, interkultura dialogo kaj reciproka respekto inter la popoloj, rajtoj de lingvaj malplimultoj, ktp). Nia daŭra, elĉerpiga sperto antaŭ la senesperiga indiferenteco de la ĝenerala publiko, kiu ne kapablas kompreni la esencon de nia afero, igas min opinii ke ni serĉu pli fruktodonajn terenojn por Esperanto. Sed tute ne temas pri politikpartia malneŭtraleco. Mi subtenas kaj mem aktive partoprenas la agadon por Esperanto ĉe la Moda Socia Forumo ĉar mi ĝenerale favoras la principojn de homaj rajtoj kaj alternativa tutmondiĝo, al kiuj Esperanto estas kerne kohera. ■

## |E-MOVADO|

**▸ Nova estraro de GEA**

La 12an de aŭgusto estis elektita kaj enpostenigita la nova estraro de GEA-Gaŭĉa Esperanto Asocio al la estrarperiodo 2009-11 jene konsistigita: Reinaldo Jorge Zaghetto (prezidando), Olavo Faustino (vic-prezidanto), César Dorneles Soares (1-a sekretario), Marília Marques Rocha (2-a sekretario), Renato Pereira (Kasisto). Al la Fiska Konsilantaro enposteniĝis Joana Münch, Marcelo Stoduto kaj Zélia da Silva Zaghetto.

## |MARGARITA|

Komentita en la lasta Verda Kafo la 'malapero' de la virinoj... Nur Karesema ĉeestis en la kunfratiĝa evento...



# |KARESEMA|

## Verda Kafo



Estis dum posttagmanĝa tempo, la vetero estis ege varma preskaŭ 32 gradoj, kiam okazis Verda Kafo-kunsido. Mi prenis kelkajn librojn de mia biblioteko kaj ordigis tiujn ene de malgranda saketo por kunporti ilin al esperanta kunsido " Verda Kafo" .

Verda Kafo temas pri renkontiĝo de Esperantistoj en Porto Alegre ĉe restoracio en la urbocentro, ĉiam en la lasta sabato de ĉiu monato, je la 4-a posttagmeze. Ĝi okazas pomonate jam delonge antaŭ 31 jaroj. Estis S-ro Otto Vaske, kiu donis la unuan paŝon por konkretigi la eventon en la jaro 1978. Tiutempe mi neniam aŭdis ion ajn pri Esperanto. Kia bedaŭro!

La ideo forte kreskis kaj floris.Ĝis nun " Verda Kafo" estas la plej altstara esperanta kunsido ene de la gaŭĉa esperanta movado. Verdire hieraŭ mi havis pruvon pri la efiko de tiu renkonto. La esperantistoj, kiuj renkontiĝas tie nur parolas esperante kaj tiu fakto atentigas la aliajn ceterajn klientojn pri la lingvo kaj multaj demandas al la kelnero per kiu lingvo tiu grupo da homoj parolas. Kaj estas kiam, ni, esperantistoj povas plibone propagandi la utilon kaj ekziston de la lingvo. La temo estis varia kaj abunda. Ni debatis pri gramatikaĵoj, literaturo, enreta e-ta komunumo, travivaĵoj en e-taj kongresoj,kaj interŝanĝis librojn . Ni ridis, kafumis kaj bierumis. Vi bone scias, ke kiam esperantistoj kunveniĝas la plej grava afero estas paroli kaj paroligi en Esperanto.Kaj tiel glatis la afero. Kia bela kaj harmonia " Verda-Kafo"!; kaj eĉ Verda Bierumado!

Mi vere ĝojis... mi venis hejmen kun la koro plenplena je espero kaj konvinko pri kiel bele Esperanto vivas kaj daŭre restos sur la vojo de la homaro, kiel solvo por paca homa kunvivado.

Verkore kaj Verdkafe ! ■

**>>> Lúcia Maria Marder Gomes da Silva (Karesema)**

**Teksto originale publikigita en www.ipernity.com/karesema**

**www.gea.ipernity.com**
**Gaŭĉa Esperanto-Asocio**

Jes Ja! | 1-a jarkolekto | N-ro 5
01/10-14/11/2009

Porto Alegre, RS, Brazilo
Redaktas César Dorneles Soares
dorneles@ymail.com
Interesatoj ricevi la informilon perrete bv. kontaktiĝi kun la redaktoro
Senpaga disdonado
Oni petas interŝanĝon

# |El la legantoj|

Pri via lasta Jes Ja! mi diras: same kiel ĉiuj aliaj eldonaĵoj viaj, tiu daŭras plaĉa, alloga, atentokapta. (...) Sufiĉas observi vian laboron, kaj ekde tiam ne eblas nei fakton: Esperanto ja havas kaj faras sian propran kulturon. Gratulojn!
**>>> Marcelo Stoduto,** el Portalegro, RS



Mi tutkore dankas al vi, kara samideano kaj amiko, pro la n-ro 4 de Jes Ja! Des pli dankeme pro tio, ke vi menciis artikolon mian kaj eĉ mian ligilon de Ipernitio.
**>>> Lúcia M. Marder Gomes da Silva,** el Portalegro, RS

Koran dankon pro la nova elsendo de via kutime alloga kaj interesa ĵurnalo!
**>>> Rodrigo Amaral Paula de Méo,** el San-Paŭlo,SP

Dankon! Bona laboro! Gratulon.
**>>> Paulo Sérgio Viana,** el Lorena, SP

Estas granda plezuro ricevi la rezulton de fruktodona laboro de brazilaj samideanoj.
**>>> José Carlos Dorini Ramos,** el Braziljo, DF

Dankon pro la sendita informilo. Estis tre agrable legi ĝin.
**>>> José Antonio Vergara,** el Puerto Montt, Ĉilio

Dankon! Mi legas nun!
**>>> Cindy McKee,** el Oklahomo, Usono

Dankon por la revuo. Mi legos.
**>>> Juanjo,** el Madrido, Hispanio

Multajn dankojn pro Jes Ja! N-ro 4. Portoalegro meritas sian belan retan revuon.
**>>> Renato Corsetti,** el Palestrina, Italio

Same dankis la sendon de Jes Ja!:

**>>> Solon F. Sant'Anna,** el Portalegro, RS
**>>> José Passini,** el Ĵuizdeforo, MG
**>>> Alberto Barrocas,** el Montevideo, Urugvajo ■

# |Kiel diri|

Código de barras = STREKOKODO
Disco rígido = DURDISKO
*Marketing* = MERKATUMO
Povoar = LOĜATIGI

# |DORNELES|

## Pompejo



Oni kredas nuntempe, ke la erupcio de Vezuvio, kiu subterigis la urbon (samkiel la najbaran Herkulano), okazis en oktobro 79 p.K. kaj ne en aŭgusto, kiel oni ĉiam asertis, surbaze de malĝusta traduko, en la 19a jarc., de la leteroj de Plinio, la Junulo, al la historiisto Tacito. La fruktoj kaj legomoj eltrovitaj en la vendejoj estis tipaj de la monato oktobro. La postrestaĵoj de fajraj karboj en karbujoj indikas, ke ne plu estis varme (kiel en aŭgusto) kaj la vinamforoj jam estis sigelfermitaj, kio kutime nur okazis fine de oktobro.

Ĝis la 18a jarc. la ekzisteco de Pompejo (kaj Herkulano) estis tute nekonata. La tragedia okazintaĵo tra la sinsekvantaj jarcentoj estis transformita en simplan legendon pri iu malaperinta urbo en la regiono. Sur ties ruinaĵoj estis starigita en la Mezepoko iu vilaĝeto nomata Resina. En 1710 iu kamparano eltrovis erojn de marmoraĵoj kiam li fosis puton en sia proprietaĵo. La aŭstra duko d'Elbeuf akiris la areon por arkeologie esplori ĝin ĉar li perceptis, ke tia eltrovaĵo estis parto de tre antikvaj konstruaĵoj. De tio rezultis la eltrovo de Herkulano. En 1763 la hispana militista inĝeniero Rocque Joaquin Alcubierre, je la servo de Carlos la 5a, reĝo de Napolo, ĉirkaŭfosis iun areon je 18 km for de la Vezuvio. Oni eltrovis amfiteatron. Sed Pompejo estis definitive identigita nur en 1763 danke al sbribaĵo trovita sur statuo.

Pompejo en la 1a jarc. p.K. estis iu grava somerumejo por la romia nobelaro pro ties milda klimato kaj fama vinkultivado. En la pasinteco, ĝi estis etruska kolonio (6a jarc. a.K) kaj greka (5a jarc. a.K) kiu poste estis konkerita de la romianoj en 89 a.K. Ĝi situis en Kampanio, suda regiono de Italio, apud la monto Vezuvio kaj je 500 m for de la golfeto de Napolo. La nobeluloj konstruis belajn vilaojn ekster la muroj de la urbo.
■

**>>> César Dorneles Soares**

**Teksto originale publikigita en www.ipernity.com/cesar.dorneles**